12-a jaro. — N-ro 12 (142) DECEMBRO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Redaktoro : M. JAUMOTTE.

Konstantaj kunlaborantoj : M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 12,50
EKSTERLANDE : Fr. sv. 2.50

ANTVERPENO
1926

12a JARO. N-ro 12 (142) DECEMBRO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BABILADO

1927 estos jubilea jaro por Esperanto: kvardek jaroj estos forflugintaj de la momento kiam nia glora Majstro, «transsaltinte la Rubikonon» dissendis en la mondon sian unuan broŝuron pri nia lingvo sub la nun fama pseudonimo de «Dr Esperanto», kiu donis al ĝi ĝian nomon, kaj kiu estis la unua ereto de nia nuna jam tutmonda, pli kaj pli ŝatata kaj komprenata movado!

Grava, historia momento, ne nur por la Esperantistaro, sed ankaŭ por la mondhistorio; momento tiel grava kiel tiu de la en la nebuloj de l'Antikva Epoko perdiĝinta eltrovo de la alfabeto; de la eltrovo de l' presarto, de l' fotografarto, de l' efikkapablo de la vaporo kaj de la elektro, embionoj el kiuj kreskis ĉiuj mirindaĵoj kiuj nin ĉirkaŭas; sennombra libroeldonado, revuaro ĉiuspeca kaj ĉiulingva, luksa reproduktado eĉ multkolora de ĉiuj mondfamaj artaĵoj, vaporo kaj elektra fervojaro kaj ŝipirado interligantaj kontinentojn kaj Oceanojn, aerveturado kaj surflugado de l' plej altaj montegoj, de l' plej grandaj dezertoj, arbaroj kaj maroj; ĉiuspeca maŝinaro laboranta anstataŭ homaj manoj kaj produktantaj milope diversajn objektojn; telegraf- kaj telefonfadenojn kaj, plej laste, Herzaj eteraj ondoj de la T. S. F., ĉio, ĉio tio, kio vere revoluciigas nian surteran vivadon, neniigante spacon kaj tempon, ĉio estas ŝuldata al la genio de kelkaj superhomoj, kiujn la homaro neniam sufiĉe danke honoros, kiuj kapablis penetri la sekretojn de la naturo kaj forrabi la unuan ereton de tiuj sekretoj. Kaj ju pli forpasas la tempo, des pli grandaj kaj mirindaj montriĝas tiuj homoj kaj iliaj «eltrovaĵetoj» ofte neŝatataj, jes eĉ malŝatataj de siaj samtempanoj nekapablaj kompreni ilian gravecon kaj je estontaj mirindaĵoj gravedecon.

Venos tempo kiam ankaŭ L. L. Zamenhof kaj lia grandega, vivdaŭra verko, nia bela kaj kara Esperanto brilos en la estinteco kiel benataj deiraĵoj de nova beninda epoko homara. Dependas de ni ĉiuj venigi tiun tempon certe kaj rapide. Tial ni. komprenantaj la gravecon de tiu mo-

mento de l' jaro 1887a, ni preparu nin por inde festi la 40an datrevenon de l'apero de Esperanto en la mondo. Ni trempigu do, nian kuraĝon, nian propagandemon,nian helpemon al ĉiuj Esperantaj entreprenoj,unuvorte, nian Esperantan entuziasmon en la Esperanta fortdona fonto kaj ni eliru el ĝi pli fortikigitaj kaj pretaj por imiti la gloran ekzemplon de nia Majstro kaj de liaj unuaj neforgeseblaj pioniroj! Tiel ni plene kaj vere meritos la belan nomon «Esperantisto»! La okazoj por tio ne mankos dum la jubilea jaro 1927a ! Estu do niaj koroj pli alte ol iam!

L. COGEN.

---

# LA PORKETO

de FELIX TIMMERMANS.

«Patro», petas malgranda Klaro, «kial la porketoj tute nude kuras?»

«Tial ke ili harojn ne havas», diras Cecilio.

«Ili certe havas harojn», diras la patro, «vidu, tie ĉi estas unu, tie ankaŭ unu haro, kaj mi kredas ankoraŭ unu tie ĉie».

«Ne estas inde nomi tion haro», diras Cecilio, «tio okazis pro manĝado de tro granda kvanto de haringo».

Kaj ree petas malgranda Klaro. «Kial porketo tutnude kuras?»

«Kaj kial ĝi kuras sur la pinto de la piedfingroj?» demandas Cecilio.

«Kaj kial ĝia nazego tiel longa estas?»

«Kaj kial ĝiaj okuloj ne pli grandaj estas ol tiuj de suĉinfano kiu ploras?

«Kaj kial ĝia vosteto bukliĝas?» Kaj la patro elpensas:

Kiam N. B. Sinjoro la bestojn kreis, ili ĉiuj estis nudaj. Kaj la saman tagon jam, li, kun la helpo de l'anĝeloj, ilin vestus kaj pentrus laŭ ilia speco kaj karaktero.

Ĉiuj bone kaj dece staris en vicoj, atendante pacience sian nomvokon. Sed la porketo,manĝema jam de la komenco, forkuris, el sia vico,flarante ĉe la tero, kaj alvenis en l'arbaron kie ĝi komencis frandi molajn kaj sukoplenajn radikojn. Kaj kiam ĝi bone manĝis, ĝi, pro sato, kuŝiĝis sur la dorson por dormi, kun la kvar piedetoj supren.

Ĝi vekiĝis nur kiam la suno subiris kaj tuj rememoris pri la vestado de la bestoj.

Ĝi kuregis seninterrompe al la loko kie okazis la vestado. Kaj ĝi renkontis multajn bestojn, ĉiuj bele vestitaj kaj pentritaj, sed malsimile kaj rekoneble.

La ŝafo havis blankan ĉemizeton el buklolano, la azeno grizan robon kun, sur la dorso, bruna pentrita kruco, ĉar en estonteco ĝi devus porti N. B. Sinjoron en Jerusalemon. La leono estis vestita per kolhararo kiel palmo, la bovino havis blankajn kaj brunajn makulojn, la tigro

estis pacience strekita ĉiuflanke, dekstre kaj maldekstre tute simetrie. Eĉ la rano kiu ne povis decidi ĉu ĝi vivus en aŭ el la akvo, estis vestita per malsorbema,ĝustege alfarita kostumeto,pentrita per diversaj strangaj figuraĵoj. La hundo havis harojn laŭ elekto; unuj longaj, la aliaj mallongaj. La kapro portis barbeton kiel urbodomkomizo, kaj la koko ricevis tiom da belaj plumoj, ke ĝi ne sciis kion fari kun ili, kaj tial la plej longajn sur la dorso portis; kaj la birdoj, ĉiuj birdoj, tian belecon kia tiu de ilia vestado oni eĉ ne povus revi:

La porketo rapidis kompreneble, por ankaŭ ricevi tian belan robon. Senspire ĝi alvenis al la forlasita ebenejo.

Ho! kiom konsterniĝis N. B. Sinjoro kiam li la nudan porketon galopege vidis alkuri ! Ĉar li ĵus sur nubo sidis kun siaj anĝeloj por ree ĉielen iri, kaj la farboskatolo estis malplena, tute malplena, kaj la drapokesto tiel senenhava kiel lampoglaso.

Li kunigis la manojn. Kion fari nun!

«Vi venas tro malfrue», diris N. B. Sinjoro al la porketo, «vidu la farboskatolon! kun nenia pligrandiga vitro vi ne plu trovus guton, eĉ la brosetoj estas jam purigitaj en la fosaĵo, kaj tuta la drapo estas uzita! Ho, ve, nun sola nude vi kuras! Porketo, porketo, kial vi forkuris el la vicoj!» Anĝelo jam puŝis la nubon per sia ŝultro por ĝin movigi, sed la porko komencis ĝemegi kaj kriegi, sed kriegi Sinjoreto Peeters, tiel ege ke ĝia nazego plilongiĝis, ĝiaj okuloj plimalgrandiĝis kaj N. B. Sinjoro mem pro tio paliĝis. Li tiel volonte estus helpinta la porketon, precipe ĉar ĝi subite tiel malbeliĝis! Li staris turnante la manojn en siaj oraj haroj.

Kaj la porketo kriis senĉese: «Mi estas nuda, mi sola estas nuda! Kaj nenia ornamaĵo, nenia plibeligaĵo ĉe mia korpo! Kaj kun malgrandaĵo mi jam estus tiel kontenta.

Sed per tiu kriado Nia Bona Sinjoro akiris nek farbojn, nek drapon.

Kaj pro bedaŭro li turnis siajn harojn sur sia fingro kaj baldaŭ bela korkotirilsimila buklo pendis, kaj subite N. B. Sinjoro rimarkis la malgajaspektan, pendantan voston de la porketo, kaj tiam vere bela ideo trapasis lian cerbon.

«Venu tien ĉi», li diras, kaj li prenis la frizilon per kiu li frizis la harojn de la ŝafo kaj aliaj bestoj, varmigis ĝin al la unua stelo, kiu montriĝis ĉe la ĉielo, kaj frizis en firma kaj bela frizbuklo la molaĉan vosteton.

«Pli multe mi ne povas fari», diris Nia Bona Sinjoro, «mi tamen ne povas frizi viajn piedojn».

Kaj la porketo postenrigardis sian vosteton kaj ĝin trovis tiel bela ke ĝi grumblis pro plezuro, kaj ĝi estis tiel fiera kaj tiel glora ke ĝi kuris sur la piedfingroj kiel riĉa sinjorineto kun nova ĉapelo.

Kun la permeso de la verkisto el flandra lingvo tradukis

LUCETTE FAES-JANSSENS.

# LA MODO

## DEDIĈITA AL LA LACIĜINTAJ ESPERANTISTOJ.

«Unu el la ĵurnaloj, kiu havas plej multe da sukceso en Nov Jorko kaj Ameriko estas verŝajne la «Daily News». Ĝi estis en Nov Jorko la unua, kaj en Usono unu el la unuaj de tiuj malgrandformataj gazetoj plenaj je ilustraĵoj. Kun eldonnombro superanta unu milionon (da numeroj), ĝi certigas havi pli da legantoj ol unu matenĵurnalo. Ĝi atingis mirindan «rekordon». Kaj tamen la dek unuaj monatoj de la «Daily News» estis tre malfavoraj. Du el la plej entuziasmaj fondintoj ĝin forlasis. Ĝi estus mort-naskita se ĝiaj posedintoj ne estus la riĉaj eldonistoj de la «Chicago Tribune» .Ili persistis kaj subite la ĵurnalo famiĝis. De post tiam, ĝi sukcesas.

Kvankam la haltigilo sur la kvar radoj estis ĝenerale aplikata sur la aŭtoj de la ĉefaj eŭropaj markoj longe jam antaŭ ol ĝi estis enkondukita en Usonon, ĝi tie malfacile ĝeneraliĝis. Se mi bone memoras, nur la Cadillac ĝin unue akceptis. Kiel ajn rimarkindaj estis ĝiaj pruvoj, ĝi ne en-«mod»-iĝis. Kaj nun, dum la lastaj jaroj ĝi konkeris la tutan regnon de l'Aŭto. Ĝia populareco, longe dormanta, grandiĝis kaj disvastiĝas ĝis kompleta sukceso.

Ŝajnas, ke ekzistas difinita kurbo en la statistika grafiko kiu montras la akcepton de ĉiuj novaĵoj tiaj. La linio unue malrapide altiĝas, poste ĝi suprensaltas kaj baldaŭ aspektas kiel vertikala.

La aŭto mem ne akiris sukceson en unu tago. La kinematografio dormis longan tempon. La krucvortenigmoj aperis dum jaroj en la New York World antaŭ ol ili havis la konatan famon.

La «diabolo»-ludo estis ĉie rifuzata unu monaton antaŭ sia mirindega sed nedaŭra sukceso. La grafiko montranta kiel enmodiĝas la novaĵoj neniam estis farata, sed oni povus ĝin serĉi. Laŭŝajne, oni neniam pripensis la principon.

Ekzistas tamen praktika intereso por la anoncantoj, ke ili uzu la ĵurnalojn, revuojn kaj senperan reklamon, precipe se temas pri novaĵo.

Se la prezentata komercaĵo estas bona kaj respondas al vera bezono, la anoncanto ne haltigos la publikigon ĝuste kiam ĝi estus donanta fruktojn, ĉar li konas la principon de la malrapida populariĝo. La ignorado de tiu principo povus haltigi lin sur la sojlo de l'sukceso. Ŝajnas, ke la publiko bezonas tempon por kutimiĝi al ĉiu novaĵo. La publiko pripensas kaj oni vendas malmulte. La anoncanto povus konsideri tiun atendotempon kiel malsukceson. Sed li rezignus malprave.

En Usono ekzistas tipa ekzemplo: Florido. La admirinda klimato de Florido estis ĉiam konata. Antaŭvidantaj personoj kiuj havis fidon en Florido, iam elspezis milionojn por ĝin diskonigi. Tamen Usono ignoris Floridon.

La nuna kurego al Florido logike devis komenciĝi antaŭ unu generacio.

La stranga leĝo de populariĝo ĝin malfruigis. Kompreneble, la turismo kaj aliaj influoj ankoraŭ helpis Floridon dum la lastaj jaroj. Sed se la unuaj anoncintoj, kiuj elspezis tiom da mono, estus daŭrigintaj sian reklamon, la sukceso de Florido estus akirita antaŭ longe. »

Tiel skribas Sinjoro A. Booster en «The Ambassador». Ni memoru lian principon de malrapida populariĝo kiam oni riproĉas al Esperanto ke ĝi ĝis nun ne plene konkeris la mondon. Obstine ni daŭrigu nian frapadon. Ni ne haltu sur la sojlo de l'sukceso sed preparu nin zorge por respondi al la multego da adeptoj kiuj morgaŭ sin prezentos, kiam ni sukcesas en-«mid»-igi ESPERANTON.

M. DE KETELAERE.

---

# LA ĈASOKORNOJ SONAS...

Les souvenirs sont cors de chasse
Dont meurt le bruit parmi le vent

Guillaume Apollinaire.

La ĉasokornoj sonas
tra vasta kamp-silent'
kaj malproksime mortas
la bruo en la vent'.

Eksaltas mia koro:
ĝin kaptas stranga ĉarm';
ruliĝas el okuloj
tra mia vang' la larm'.

Memoroj reviviĝas
pri kara la knabin',
kiel diinon falsan
adoris mi ja ŝin.

Ho, nia vivo estis
pli bela ol roman':
feliĉo tia estis
tro granda por teran'

Tro granda do por daŭri:
la ravo kaj feliĉ'
forflugis, kiel sonĝo
belega post vekiĝ'.

Mi tenus tiun tempon
por sola, sola hor',
sed, se mi volus kapti,
forflugas la memor'...

Kaj ĉasokornoj sonas
tra vasta kamp-silent', —
tre malproksime mortas
la bruo en la vent'...

JAN VAN SCHOOR.

# KIAJ BELAJ, FRESAJ ROZOJ

Ie iam, antaŭ longa, longa tempo, mi tralegis poeziaĵon. Baldaŭ mi forgesis ĝin, sed la unua verso restis en mia memoro.

«Kiaj belaj, kiaj freŝaj estis la rozoj»... Nun estas vintro, la frosto glacikovris la vitrojn de fenestroj, en malluma ĉambro bruias unu kandelo. Mi sidas, enfundiĝinte en angulo, kaj en la kapo ĉiam sonas kaj sonas:

«Kiaj belaj, freŝaj estis la rozoj»...

Kaj mi vidas ŝin antaŭ malalta fenestro de eksterurba Rusa domo. Somera vespero malrapide densiĝas kaj transformiĝas nokton, en la varma aero odoras rezedo kaj tilio; — kaj sur la fenestro, apoginte sin per elstreĉita brako kaj klininte la kapon al la ŝultro, sidas knabino — kaj senparole. Kaj fikse rigardas la ĉielon, kvazaŭ atendante la aperon de unuaj steloj; kiaj simplanime — spiritplenaj estas la pensemaj okuloj, kiom kortuŝe — senkulpaj estas la malfermitaj demandantaj lipoj, kiel kadence spiras la brusto, ankoraŭ ne tute disvolviĝinta, ankoraŭ per nenio senkvietigita, kiom kara ŝi estas al mi, kiel batas mia koro.

«Kiaj belaj, freŝaj estis la rozoj.»

Leviĝas antaŭ mi aliaj imagoj... Aŭdiĝas gaja bruc de familia vilaĝa vivo. Du blondaj kap toj, sin apoginte reciproke, gaje rigardas min per siaj helaj okuletoj, ruĝaj vangoj tremetas pro kaŝita rido, la manoj karese interplektiĝis, junaj, bonaj voĉoj sonas, interrompante unu la alian; kaj iom pli malproksime, en fundo de komforta ĉambro, aliaj ankaŭ junaj manoj kuras, mallerte intermiksante la fingrojn, sur klavoj de malnova pianeto kaj Lanerra valco ne povas kovri la zumadon de patriarĥa samovaro.

«Kiaj belaj, kiaj freŝaj estis la rozoj.»

La kandelo malheliĝas kaj estingiĝas... kiu tusas tie tiom raŭke? Kuntirinte sin pro malvarmo, la maljuna hundo, mia sola kamarado, ektremadas kaj sin premas ĉe miaj piedoj... Malvarme estas al mi... Mi frostotremas... kaj ĉiuj ili mortis... mortis.

«Kiaj belaj, kiaj freŝaj estis la rozoj.»

**El versaĵoj de F. Turgenev. Tradukis L. HARLAMB.**

---

# INTERNACIAJ KONGRESOJ

Ne AGU EN ILI ne petinte ekzempleron de l'Konsilaro pri la agado de internaciaj kongresoj, eldonita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto - Movado, 12 Bl. du Théatre, Genève, kaj ne koniginte vian planon al via nacia societo «Belga Ligo Esperantista», 60, Boulevard St-Liévin, Gand, St-Lievenslaan, 60, Gent.

# VINTRO

Lastvintre, dum ekfloris nova am',
mi esperis konsolon por l' animo:
de l' nuna amo la reala rimo
por nova ĝojpoem' estos ornam'.

Sed la komenca ĉarm' ne iĝis flam'
— eĉ nun mi vidas ĝin en malproksimo —
kaj la poemo restis sen esprimo
kaj la animo ankaŭ sen balzam'.

Kaj nun alvenis jam Printempo glora,
kun sia gaja lum' kaj ĉarmo flora,
sed inter ĝi kaj mi ne estas rim'...

Floroplenan printempon mi ne festas
ĉar ankoraŭ malĝoje por mi restas
la vintro ĉe l' veter' kaj ĉe l' anim'...

JAUME GRAU CASAS.

# BELGA KRONIKO

LA VERDA STELO. — Kursoj: Pro diversaj malhelpoj, la vintraj kursoj nur komenciĝis la 16an kaj 18an de Novembro; ili nombras entute 60 novajn lernantojn kaj estas gvidataj de F-ino De Buyser kaj S-roj Vermuyten, Boeren kaj De Ketelaere. La eksperimento de la kursoj speciale organizitaj por fremduloj ne havis la esperitan rezulton. Kvankam la grupo faris grandan propagandon la kursoj ne okazis pro nesufiĉa nombro de partoprenantoj.

La 23an de Oktobro, okazis en la kutima kunvenejo koncerta vespero. Samtempe, la membroj inaŭguris novan, belaspektan blazonŝildon, kaj honoris S-ron Vermandere, la afablan donacinton de la ŝildo.

La 30an de Okt., la grupo ricevis la viziton de nia brusela samideano, S-ro Paul Nyssens, kiu paroladis pri la temo «Kio estas Karaktero».

La 13an de Novembro kaj 11an de Decembro, la grupo organizis sukcesplene balojn en kafejo «Quatre Nations».

S-ro Vermuyten faris la 18an de Dec. paroladon, kies temo estis «la Antverpena soldat-instruistino kaj la poet-pentristo de Meulebeke». La parolanto nome pritraktis la vivon kaj verkaron de du konataj figuroj el la flandra literaturo: Anna Bijns kaj Carel van Mander.

La 24an de Dec., okazis agrabla kristnaska festo, kun koncerta parto kaj disdono de surprizoj.

BRUĜO. **Propaganda festo:** La 26an de novembro la grupo organizis tre bone sukcesintan propagandan feston, kiun ĉeestis pli ol 300 personoj inter kiuj la urba Sekretario S-ro Delva.

La festĉambrego kaj la scenejo estis tre bele ornamitaj per kreskaĵoj, floroj kaj Esperantaj flagoj. La artistoj tre bone ludis kaj la publiko estis entuziasme kontenta.

Pro foresto de S-ro Witteryck, honora prezidanto de la Bruĝa Grupo, F-ino Yvonne Thooris, honora vicprezidantino, deziris la bonvenon al la multnombra ĉeestantaro, dankis la organizan komitaton de la festo, nome S-ron Dervaux, S-inon Algrain, S-inon Dervaux, kaj S-ro Poupeye, gratulis la artistoj-amatorojn, kiuj bonvoleme kaj talente plenumis la diversajn numerojn de la programo: ni plezure citu F-inojn Algrain, Boeraeve, Boereboom, Bulcke, Coucke, Soete kaj Victoor, S-rojn Campe, Dosselaere, Plancke, Poupeye kaj Van den Abeele,per malmultaj vortoj klarigis la celon de la esperanto-movado, kaj faris varman alvokon por la malfermo de la vintra kurso gvidata de la sindonema prezidanto S-ro Dervaux.

Tombolo de 51 premioj kaŭzis grandan bruon kaj nedireblan gajecon. Estis nova granda sukceso por la «Bruĝa Grupo».

**Nova Kurso:** Tuj post tiu bela propaganda festo malfermiĝis la nova kurso, kiun ĉeestis pri ol 100 gelernantoj.

Pro foresto de la honora Prezidanto, F-inon Yvonne Thooris klarigis kio estas Esperanto, ĝia celo, la nuna stato de ĝia movado kaj la lastaj sukcesoj akiritaj. Ŝi prezentis, la sindoneman profesoron, deziris bonan laboron al ĉiuj novvenintoj, kaj dankis la gemembrojn pro ilia kunhelpo en la varbado de novaj gesamideanoj. S-ro Dervaux tuj poste komencis sian unuan lecionon.

Entute 117 personoj enskribiĝis je la kurso.

Ni tutkore gratulas la geanojn de la «Bruĝa Grupo» pro tiu bela sukceso kaj sincere dankas ĝian komitaton kaj precipe gian ageman kaj simpatian prezidanton S-ron Dervaux pro ilia bona laboro.

**Parolado** : La 14an de Decembro S-ro Komandanto Verniers, fervora samideano, faris por la grupanoj tre interesan paroladon pri «Timo». En tre sprita maniera li pritraktis tiun strangan senton, kies konsekvencoj estas kelkafoje teruraj. Komandanto Verniers, kiu tre bone konas nian lingvan kaj ĝin tre flue parolas, ege interesis siajn aŭskultantojn, kiuj ne ŝparis al li siajn aplaŭdojn.

BRUSELO. — Malnova Samideano S-ro Deleener, ĵus reveninta el Afriko, faris, por la Bruselaj Samideanoj, tre interesan paroladon pri ekspedicio kiun li faris en «Zambèze». La ĉeestantoj aŭdis originalan rakonton pri la moroj de la nigruloj, kiujn la vojaĝanto tre bone observis dum sia restado inter ili. S-ro Deleener, kvankam li forlasis Esperanton dum pluraj jaroj ankoraŭ mirinde parolas nian lingvon kaj la aŭskultintoj esprimis al li sian dankemon pro la interesa kaj agrabla parolo.

Dudeko da gelernantoj ĉeestas la novan kurson organizitan de la grupo.

GENTO. La kursoj okazas regule ĉiun merkredon en urba lernejo. Propaganda festo por nova kurso okazos baldaŭ.

LIERO. — La 28an de novembro S-ro J. Jacobs el Antverpeno faris paroladon kun lumbildoj pri Finlando kaj samtempe okazis tre interesa ekspozicio pri Finaj manlaboroj. Nova kurso malfermiĝis la 5an de Decembro.

MEĤLENO. — La 15an de decembro S-ro Frans Van Camp, sekretario de la grupo, faris interesan paroladon, antaŭ la gelernantoj de la kursoj, pri la diversaj mondlingvaj sistemoj. La 20an de Decembro la grupo organizis tre bone sukcesintan balon.

SANKTA-NIKOLAO. — La 17an de novembro S-ro De Boes, prezidanto de la grupo, malfermis novan kurson por 12 gelernantoj. Ĝi okazos nun ĉiumerkrede je la 21a en taŭga ejo: kafejo «In Rome». La loka movado marŝas antaŭen, malrapide sed certe!

# NEKROLOGO

S-ro ARON POSENER, sekretario de A.P.P.K. kaj de A.G.D., membro de U. E. A., mortis 34-jara, la 31-an de Decembro 1926, post tre mallonga malsano. Al lia edzino ni prezentas nian sinceran kunsenton.

# GRATULOJ

F-ino GABRIELLE VAN HERENDAEL, membrino de «La Verda Stelo», Antverpeno, edziĝis la 24an de novembro kun S-ro John Simons.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Oktobro, Novembro, kaj Decembro aperis 110 notoj pri Esperanto en 31 gazetoj de 11 lokoj:

| | Oktobro | Novembro | Decembro | Sumoj |
|---|---|---|---|---|
| En franca lingvo | 33 | 15 | 10 | 58 |
| en flandra lingvo | 36 | 10 | 6 | 52 |
| | 69 | 25 | 16 | 110 |

La plimulto el tiuj notoj pritraktis la lastajn progresojn de Esperanto, i. a. pri nia lingvo inter la Policistoj, pri la favora sintenado de oficialaj rondoj en Svedujo, pri la publikigo de la Biblio, pri la enkonduko de

Esp. en la Normalaj lernejoj de Grekujo, pri la fondo en Bruselo de la Belga Medicina Esperanto-Societo, kaj pri la edziĝo de S-ro Coleman (Londono) kun F-ino Muzza Schönau (Salzburg).

Speciale citotaj estas bonega propaganda artikolo de S-ro Maur. Jaumotte en Bulletin officiel de l'Union de la Presse Périodique Belge, raporto de la sama bulteno pri la movado Esperantista en Belgujo, verkita de nia ĝenerala sekretario, varba artikolo de S-ro W. De Schutter, kun anonco de kurso, en la ilustrita gazeto por junuloj «Na de School» eldonata en Antverpeno (Kerkstraat, 154).

Ni ree petas niajn amikojn, ke ili eltranĉu kaj havigu al ni la artikolojn pri Esperanto el sia gazeto.

# KIEL ONI MORTIGAS GRUPON

Ne venu al la kunvenoj.

Se vi venas, venu tro malfrue.

Se la vetero ne plaĉas al vi, restu hejme.

Se vi ĉeestas la kunvenojn, kritiku la laboron de la estraro kaj de la aliaj membroj.

Ne akceptu postenon: kritiki estas pli facile ol ion fari.

Tamen, spitiĝu se oni vin ne kunvokas al iu Komitato. Se oni via kunvokas, ne iru.

Se la prezidanto petas vian opinion pri gravaj demandoj, respondu ke vi ne havas ion dirotan. Post la kunveno, rakontu al ĉiuj, kiel oni devus aranĝi la aferojn.

Faru nur la nepre necesan; sed kiam la aliuloj levas siajn manikojn, kaj, memvole, sen egoismo, klopodas por ĉion irigi, kriegu ke la organizo estas gvidata de bandaĉo.

Viajn kotizojn pagu tro malfrue; aŭ nenion pagu.

Ne baraktu por trovi novajn anojn; lasu viajn kamaradojn sin okupi pri tio.

(Tradukaĵo el la franca revuo: «Mon Bureau».)

# EKSPERIMENTO BOVET

KION VI FARIS por subteni la eksperimenton de Prof. Bovet?

Interrilatu pri ĝi tuj kun Prof. P. Bovet, Institut J. J. Rousseau, 4, rue Chas. Bonnet, Genève (Svislando).

# NIA PROGRESADO

LA SCIENCO KAJ ESPERANTO. — La scienculo de psikologio Charles Baudouin en Genève ĵus skribis verkaĵon en Esperanto pri «La arto de memdiscipino» (Psikogogio), kiu hodiaŭ eliris en la serio de la eldonaĵoj de Mosse en Berlin. I. E. S.

GRANDA VORTARO EN ESPERANTO. — Aperis la 3a volumo de l' granda vortaro enciklopedia Esperanto - Germana de la lingvisto E. Wüster en la serio de eldonaĵoj de Hirt & Sohn, Leipzig, kiu jam publikigis grandan nombron da verkoj en Esperanto, tradukitaj el la hungara, kataluna, rusa, pola, bulgara, japana, k. t. p. I. E. S.

TEKNIKAJ VORTAROJ EN ESPERANTO. — La eldonejo de teknikaj verkoj Chiron en Paris ĵus aperigis la unuan volumon de serio de vortaroj teknikaj en 5 lingvoj kaj en Esperanto. I. E. S.

RADIO KAJ ESPERANTO. — La stacio «Deutsche Welle» (Germana ondo) de Königswusterhausen komencis la 6 novembro la disaŭdigon de nova regula kurso de Esperanto. Same faris la stacio Radio-Genève de post la 4 novembro.

La 9 oktobro la stacio de Novosibirsk en Siberio disaŭdigis sian unuan paroladon en Esperanto.

Radio - Wien kaj Zagreb, samkiel la stacio de Sydney (Aŭstralio) dissendas regule ĉiusemajne en Esperanto. I. E. S.

LA FERVOJISTOJ KAJ ESPERANTO. — La Centra Oficejo por la uzo de la libera tempo de la fervojistoj ĉe la Ĝenerala Direkcio de l'itala ŝtata fervojaro decidis, oficiale permesi Esperanton en siaj programoj de l' kursoj por fervojistoj. I. E. S.

LA GREKA REGISTARO KAJ ESPERANTO. — Le greka registraro ĵus permesis la enkondukon de Esperanto en la instruistajn seminariojn de elementa kaj meza instruadoj. Samtempe ĝi nomis Doktoron Anakreon Stamatiadis, la malnovan pioniron de Esperanto en Greklando, profesoro por la kursoj organizitaj. I. E. S.

SVEDA PRINCO ESPERANTISTO. — La frateto de princino Astrid, la princo Karlo de Svedujo ĵus faris sian ekzamenon de Esperanto en Stockholm, kie li akiris la diplomon pri kapableco. I. E. S.

OFICIALA PROTEKTO DE ESPERANTO EN ANGLUJO. — La Angla Ministro de l'Publika Instruado konsentis, kiel en la antaŭaj jaroj,pri subvencio al la kursoj de Esperanto,kiuj figuras en la vespera kursaro por plenaĝuloj de l'diversaj urboj. Tiuj kursoj estas submetitaj al la regularo kaj la inspektado oficiala. En Londono sole nuntempe okazas 15 kursoj sub aŭspicioj de l'London County Council kaj de la Asocio por Laborista Eudukado. I. E. S.

OFICIALAJ ESPERANTO - EKZAMENOJ. — Por la 3a fojo oficialaj ekzamenoj de Esperanto okazis en Vieno la 10 novembro. Dek tri kandidatoj, inter ili 12 instruistoj kaj 1 eksterlandano, pasis la ekzamenon

pri instruado kun distingo. Kvar personoj faris la ekzamenon pri kapableco kun plena sukceso.

En Londono okazos la Esperanto - ekzamenoj de la Komerca Ĉambro de Londono. I. E. S.

ESPERANTO EN LA KOMERCA INSTRUADO. — La komerca Lernejo «Merkuro» de Zagreb (Sudslavio) enkondukis Esperanton kiel devigan fakon en sian instruan programon de 1926-27.

ESPERANTO ĈE LA UNIVERSITATO. — Oni jam menciis, ke la Universitato de Zagreb kreis katedron por Esperanto en sia komerca fakultato.

Sub la patronado oficiala de la komerca Ĉambro la Universitato de Valencia (Hispanujo) starigis Esperanto - kurson en sia programo de fremdlingvoj. I. E. S.

ESPERANTO EN LA SERVO DE L' PUBLIKO. — Du deligitoj de l'Fervojaro de Finlando ĵus faris vojaĝon tra Eŭropo por studi la special-kondiĉojn de l'trafiko en la diversaj landoj. Ili vizitis 25 urbojn kaj 15 ŝtatojn kaj traveturis distancon de preskaŭ 10.000km.La sola fremda lingvo, kiun ili uzis, estis Esperanto, kiu sufiĉis al ili ĉie. I. E. S.

ESPERANTO KAJ LA POLICO. — La Prusa Ministro de 'Interno ordonis (16. IX. 26, II M. 107 Nro 6) sekve al enketo, ke ĉiuj policistoj, kiuj parolas sufiĉe fremdan lingvon aŭ Esperanton estu distingataj per speciala insigno, portota dum la deĵoro.

En Antverpeno la unua kurso por policistoj komenciĝis jam en 1911. De post 1924 regulaj kursoj organiziĝas en la Polica Lernejo. Estas rimarkinde, ke en Antverpeno ekzistas jam pli ol 60 polic-oficiroj kaj -agentoj, kiuj parolas Esperanton. I. E. S.

LA UNIO DE INTERNACIAJ ASOCIOJ KAJ ESPERANTO. — La intereso de la Unio de Internaciaj Asocioj en Bruselo por Esperanto montras diversajn eblecojn de l'aplikado de tiu ĉi lingvo en la internacia sfero.

1) La Unio uzas Esperanton kiel lingvon de korespondado kaj en siaj kongresoj.

2) Ĝia Monda Muzeo enhavas salonon de Esperanto.

3) Ĝia repertuaro universala de bibliografio enhavas sekcion de Esperanto.

4) Esperanto figuras, kun speciala divizio, en la decimala klasifiko.

5) Mallonga manlibro de l'decimala klasifiko aperis en tiu ĉi lingvo. Eldono poliglota kun Esperanto estas en preparo.

6) En la Internacia Bibliografio, sekcio Esperantista estas kreita.

7) Ĝia dokumenta enciklopedio enhavas grandan nombron da aktoj rilate al tiu ĉi lingvo.

8) En la Muzeo de l'Gazetaro, kiu enhavas pli ol 80.000 specimenojn de diversaj ĵurnaloj, Esperanto estas reprezentita.

La uzo de Esperanto estas ankoraŭ antaŭvidita por aliaj sekcioj de la Unio. I. E. S.

# LA OFERO

(Fino.)

Hodiaŭ ni ridis, mi certigas vin ke ni tre ridis, Léglise, la flegistoj kaj mi.

Pretigante la bandaĝon, ni parolis pri lia entonta pensio kaj iu diris al li:

— Vi vivos kiel malgranda rentulo.

Léglise rigardis sian korpon kaj respondis ridetante:

— Ho, kiel tute malgranda rentulo, tute malgranda.

La bandaĝado pasis tre bone. Por faciligi al ni la laboron, Léglise elpensis alkroĉi sin ĉe la litrando kaj sublevis siajn membrostumpojn, renversiĝante sur siajn ŝultrojn. Tio estis spektaklo terura, nesupozebla, sed li komencis ridi kaj la spektaklo iĝis ridinda. Ni ĉiuj ridis. Ĝuste la bandado iĝis facila kaj rapide finita.

Liaj membrostumpoj bone burĝonadas. Posttagmeze oni sidigas lin sur lia lito. Li komencas legi kaj fumi, interparolante kun siaj kolegoj. Mi klarigas lin, kiamaniere li povos marŝi per protezaj kruroj. Li ankoraŭ ŝercas:

Mi estis pliĝustdirante malgranda; sed nun mi povos oferi al mi talion laŭvole.

:-: :-: :-:

Mi alportis al li cigaredojn, kiujn oni sendis por li, sukerajôjn, frandajojn. Li faras signon ke li volas paroli ĉe mia orelo, kaj mallaŭte diras:

— Mi havas tro da ĉio. Sed Legrand estas vere tre mizera; li estas el okupita landparto, li havas nenion, nenion ricevas.

Mi komprenas. Mi revenas iom poste kun paketo enhavanta tabakon, bonajn cigaredojn kaj ankaŭ malgrandan banknoton..

— Jen por Legrand. Oni devas havigi tion al li. Mi forkuras!

Posttagmeze mi retrovas Léglise tre embarasita, malcerta.

— Mi ne povas mem doni tion al Legrand, li diras, li povus ofendiĝi...

Kaj ni ambaŭ komencas serĉi diskretan helpilon.

Tio postulas sufiĉe da tempo. Li elpensas fantaziajn kombinajôjn. Li estas ruĝvanga, ekcitita, interesita.

— Serĉu, mi diras al li, eltreniĝu. Donu mem tion al li je la nomo de kiu ajn persono...

Sed Léglise timegas ofendi Legrand. Li cerbumas la aferon ĝis la vespero.

:-: :-: :-:

La malgranda paketo estas alkroĉita je la litrando de Legrand; Léglise montras ĝin al mi per mentono kaj diras je mia orelo:

— Mi trovis iun kiu donis ĝin al li. Li ne scias de kiu tio alvenas. Li faras mil supozojn: tio estas vere amuziga!

Ho, Léglise, ĉu estas do vere ke ekzistas ankoraŭ io amuza, nome esti bonkora? Ĉu tio, nur tio ne indas ke oni vivu?

Do, ni havas grandan sekreton inter ni ambaŭ. Tutan matenon dum mi iras kaj reiras en la ĉambro, li ĵetas al mi rapidan rigardon de sekreta konsento kaj kaŝe ridas.Legrand prezentas al mi kun grava mieno cigaredon, kaj Léglise preskaŭ ekplodos pro rido. Sed li bone scias kaŝi tion.

Oni metis lin sur najbaran liton dum oni ordigas lian liton. Li restas tie tre ĝentile, siaj du grandaj bandaĝoj en aero, kaj li kantas kantaĵeton kiel lulkanton, Sed subite li komencas plori, ploregi.

Mi ĉirkaŭprenas lin kaj maltrankvilege demandas:

— Kial, kial do?

Tiam li diras per voĉo interrompita:

— Mi ploras pro ĝojo kaj dankeco...

Ho, tiom mi ne volis! Sed mi sentas min vere feliĉa, vere dolĉigita. Mi kisas lin kaj li kisas min; mi juĝas ke mi ankaŭ iome ploras.

Mi envolvis lin en flanelan negliĝon kaj prenas lin en miajn brakojn. Mi malsupreniras la ŝtuparon de l'parko tre zorgeme, kiel patrino kiu portas unuan fojon sian ĵusnaskiton. Mi krias: apogseĝon! apogseĝon! Dum mi marŝas, li alkroĉas ĉe mia kolo kaj diras konfuze:

— Mi lacigos vin.

Certe ne! Mi estas tro kontenta! Mi al neniu cedus mian lokon. La apogseĝo estas starigita sub la arboj, apud la arbotufoj. Mi sidigas Léglise inter la kusenoj. Oni alportas al li kapon. Li enspiras la odoron de verdaĵo, de falĉitaj herbobedoj, de pirito brulita de la suno. Li rigardas la kastelfasadon kaj diras:

— Mi eĉ ne vidis la lokon kie mi preskaŭ mortis.

Ĉiuj vunditoj kiuj promenas en la aleoj, venas viziti lin, oni povus diri, esprimi al li sian respekton. Li parolas kun ili per kora aŭtoritateco. Ĉu li ne estas estro de ili pro rajto de sufero kaj ofero?

Pasas du horoj kaj li revenas en sian liton.

— Mi estas iome laca, li konfesis, sed tio estas tiel bone!

:-: :-: :-:

Kiu, do, tiumatene, parolis en la ĉambro pri amo, pri edziĝo, pri hejmo?

De l'tempo al tempo mi ekrigardis Léglise; li ŝajnis revi kaj murmuris:

— Ho, por mi, nun...

Tiam mi diris al li kion mi sciis: mi konas junulinojn kiuj ĵuris edziniĝi nur invalidojn. Nu! oni devas kredi al junulinaj ĵuroj. Francujo estas lando, kie bonkoreco estas pli potenca ol ĉiuj aliaj virtoj. Estas dolĉa devigo doni feliĉon al tiuj, kiuj cedis tiom da aliaj feliĉoj. Kaj dum tiu minuto, mil koroj, oferemaj virinaj koroj, aprobas miajn vortojn.

Léglise aŭskultas skuetante la kapon. Li ne riskas diri: ne...

:-: :-: :-:

Léglise havos ne nur la militan medalon, sed ankaŭ la militan krucon. Ĵus alvenis la citaĵo. Li legas lin ruĝiĝante:

— Neniam mi havos la kuraĝon montri tion, li diras, mi estas treege trotaksita.

Li montras al mi paperon en kiu estas dirite, ke la kaporalo Léglise kondutis kuraĝe sub bombopluvo kaj ke lia maldekstra kruro estis amputita.

— Mi ne kondutis kuraĝe, li diskutas: mi estis je mia posteno kaj ne plu. Koncerne la bomboj, mi ricevis nur unu.

Mi ne povas konsenti al tiu vidpunkto.

Ĉu tio ne estas kuraĝa konduto esti ĉe antaŭstarigita posteno, tiel proksime de la kontraŭbatalanto, tute sola, ĉefe el ĉiuj Francoj? Ĉu ili ĉiuj ne estis malantaŭ vi ĝis la ekstremaĵo de l'lando, ĝis la Pireneoj? Ĉu ili ĉiuj ne fidis al via malvarmsangeco, al via ekrigardo, al via atentego, Vi ricevis nur unu bombon, sed mi me opinias ke vi povus ricevi kelkajn kaj resti ankoraŭ inter ni. Aliparte, la citaĵo ne trotaksas, kontraŭe, ĝi mankas; ĝi diras ke vi donis nur unu kruron, dum vi oferis du! Ŝajnas al mi ke tio larĝe kompensas la ekscesecon rilate al la bomboj...

— Certe! certe! konsentas Léglise ridante. Sed mi ne volus ŝajnigi min kiel heroo.

— Amiko mia! Oni ne petos vian opinion por juĝi kaj honori vin. Sufiĉos rigardi vian korpon.

:-: :-: :-:

Ni devis disiri, ĉar la milito daŭras, kaj ĉar ĝi faras ĉiutage novajn vunditojn.

Léglise foriris preskaŭ resanigita. Li foriris kun kamaradoj kaj ne estis la malpliĝoja el ĉiuj.

— Mi estis la plej grava vundito en la vagonaro, li skribis al mi kun cetera fiereco.

De tiam, Léglise skribas ofte al mi. Liaj leteroj elmontras trankvilan kontenton. Mi ricevas kaj legas ilin hazarde: dum la vojoj, en la ĉambroj kie vekrias la vunditoj ,en la kampoj dum la kanonado.

Ĉiam staras apud mi io; kio murmuras per muta lingvaĵo:

— Vi vidas, vi vidas ke li ne havis rajton, kiam li volis morti!

Min sincere kredas tion; tial mi rakontis lian historion. Vi pardonos tion al mi, ĉu ne, Léglise, amiko mia?

En la franca lingov tradukis R. S.

---

# RADIO-PROPAGANDO

Ĉu vi jam faris vian propagandon en radio-rondoj?

Radio estas unu el niaj plej gravaj kampoj!

# ESPERANTO FACILA

## LA LIGNA ĈEVALO.

Ĝi ne estas la granda ĉevalo, kiun la Grekoj metis antaŭ la pordegojn de Trojo kaj kiu alportis malfeliĉon al la loĝantaro de ĉi-tiu urbo. Ĝi nur estis malgranda, eĉ difektita, sed tamen donis grandan feliĉon al malgranda knabo.

En aŭtuno okazas ĉiujare la foiro en mia gepatra urbo. Mia frato havis preskaŭ 4 jarojn kaj li rigardis kaj admiris la ĉevalojn, kiuj pendis en la budoj kun lignefaritaj ludiloj. Per sia tuta koro li deziris ricevi lignan ĉevalon por la kristnaska festo. Mia patrino intencis plenumi la deziron de sia fileto, la prezo de ludiloj en la foirbudo ne estis tiel multekosta kiel en la magazeno kaj tial ŝi aĉetis unu ĉevalon en la foiro je 4 markoj. Ĝi estis farita el natura ligno kaj tre bone eltranĉita. Vespere mia patrino tute fiere montris la aĉetaĵon al mia patro. Li tuj notis, ke la kolo estis rompita, fakte kapo kaj kolo nur kuniĝis je unu flanko. «Tute ne estas konsilinde aĉeti ludilojn en la foiro, estas ĉiam pli bone iri al konata magazeno; tie oni ne estas trompata». «Vi estas prava, respondis mia patrino, kaj mi realportos la ĉevalon morgaŭ matene.» Kiam la sekvantan tagon ŝi proksimiĝis la budon kun la ĉevalo sub la brakoj, la posedantino de najbara budo laŭte ridis kaj diris al sia edzo: «Rigardu, oni denove realportas la ĉevalon, estas certe la dekan fojon!» Tamen la afero rapide finiĝis: la vendisto cedis la ĉevalon je la duona prezo t.e. 2 markojn. Mia patro gluis la kolon. La tuta familio opiniis, ke difektita ĉevalo tute ne estis inda donaco por la plej juna, iomete dorlotita infano.

La kristnaska festo venis, la okuloj de mia frateto brilis kiam li vidis la ĉevalon, li tuj ŝatis ĝin, prenis ĝin per la bridrimeno, kondukis ĝin de unu loko al alia, tra la tuta ĉambro kaj fine metis ĝin en la stalon, kiu estis sub unu seĝo. La knabeto estis treege feliĉa. Li tre bone zorgis por la besto. Kondukinte ĝin en la stalon, li trinkigis ĝin el siteleto, tiam li demandis peceton da sukero de mia patrino. Li tenis gin kelkatempe en la etendita mano sub la buŝo de la besto kaj tiam diris: «Mia ĉevalo estas sata» kaj li mem manĝis la sukeron. Post kelkaj semajnoj la kolo de la ĉevalo rompiĝis, ĝia kapo falis. Mia patro prenis grandan najlon kaj kelkaj batoj per martelo denove kunigis kolon kaj kapon. Ĉi-tiu laboro multe interesis la knabeton. Li tuj komencis frapi malgrandajn najlojn en la ĉevalon, dirante ke li riparas ĝin. Li nun eble ankoraŭ pli multe amis la beston. La tutan jaron mia frato ludis feliĉe per la malmultekosta ludilo, dum longaj horoj li estis okupata por ĝi, kaj estis laŭ cirkonstanco veturigisto, rajdanto, forĝisto aŭ grumo.

Denove la kristnaska festo proksimiĝis. Certe mia patrino estis tute prava, ke ŝi aĉetis nun belegan ĉevalon en tre konata, bona magazeno, vere la knabo meritis tian. La prezo estis 13 markoj; estos tre granda sumo, sed kia bela ĉevalo! Ĝi havis veran brunan pelton, longan voŝton,

belajn kolharojn, piedingojn, bridon! Ni du fratinoj estis tiel fieraj pri la valoro donaco. «Kiel feliĉa estos nia frato, kiel liaj okuloj brilos», ni diris unu al la alia.

La kristnaska vespero venis. Mia frato rigardis la belegan ĉevalon kun malkonfido kvazaŭ dirante: «Ĉu vi volas disigi min de mia karulo? Ĉu mi ankaŭ povas frapi najlojn en vian kolon kaj dorson?» Li rigardis alterne la novan kaj la malnovan ĉevalon, meditis, kaj ne sciis kion fari. Tiam mia patro instigis lin ludi per la nova, belega ĉevalo. Malrapide, malgaje mia frato proksimiĝas al ĝi, prenis la bridrimenon kaj kondukis ĝin al la stalo t. e. sub la seĝo. Sed, ho ve, la belega, multekosta ĉevalo estis tro granda kaj ne povis eniri. Subite la vizaĝo de la knabo gajiĝis, li nun sciis kion fari. Li forpuŝis la belegan entrudulon kaj ludis denove per malmultekosta difektita sed tiel multe amata ĉevalo. Estis malagrabla surprizo por ni, ĉefe por mia ŝparema patrino. Neniam mia frato rigardis la novulon kaj fine najbarino aĉetis ĝin kaj pagis nur kelkajn markojn. Kiam mia frato grandiĝis kaj vizitis lernejon,ni fordonis la difectitan ĉevalon al malriĉa knabo kaj eble ĉi-tiu ankoraŭ ludis feliĉe per ĝi.

ERNA SINDHWAD.

---

# HISTORIO DE LA PUNTOJ EN MECHELEN

Ekzistas du specoj de puntoj de Mechelen. La malnova, kiu datumas de 1500 kaj la nova, kiu estis farita de post la 16a jarcento. La malnova punto karakterizas triangulaj maŝoj kaj la nova estas teksaĵo de sesangulaj maŝoj, kun kvin vicoj de floretoj. En la unua kvarono de la XIXa jarcento la nombro de gloraj vicoj tre variis kaj en la dua kvarono de la sama jarcento la bordaj floroj pligrandiĝis. La eksportado estis ofte malhelpita.

En 1605 COLBERT malpermesis la importadon en Francujo; inter 1625 kaj 1629 la komerco de puntoj kun Holando estis malpermesita. En 1680 la Angla registraro malpermesis la eniron de puntoj en sia lando. En la jaro 1790 la farado de puntoj tre malgrandiĝis kaj dum la lasta milito Belgaj misiistoj allernis la puntfaradon al ĥinoj. En la jaro 1918 puntoj valorantaj ses milionojn kaj duonoj da frankoj estis liveritaj de Ĥinujo. Nia reĝino formis asocion por protekti kaj kunraĝigi la naciajn puntistinojn.

---

# LA KURACISTO KAJ LA MORUSOJ

Bona kampara kuracisto, rajdanta sur sia ĉevalino, iris al la najbara urbo. Li ekvidas, survoje, morusarbon ŝarĝitan per tre belaj morusoj. Li estis tentita manĝi de ili, kaj, por atingi la arbon, li ekstaris sur la selo. Tiu-ĉi morusarbo estis plantita meze en dornujo kaj robusujo. La bona kuracisto, admirante la trankvilecon de sia ĉevalino diris : «Mi

estus en granda embaraso se iu krius al ŝi hu!» Tiun vorton li elparolis tiel laŭte ke la ĉevalino kuris for, kaj jen nia rajdisto falanta en la dornujo! Lia edzinokaj la servistino, vidante alveni la ĉevalinon sen sia mastro, estis timigataj kaj supozis ke ia malfeliĉo estis okazinta al li. Tuj ili kuris kun keikaj najbarinoj, serĉi lin, kaj lin trovis en la mezo de l'dornoj, kie li estis ŝirvundinta sian tutan korpon.

Tiu-ĉi anekdoto pruvas ke ne estas ĉiam bone diri laŭte tion kion oni pensas.

Kune tradukis la du lernantinoj de Ninovano.

---

# SPRITAĴOJ

ANGLA HUMORO. — La publiko eliras malkontente el foira barako. Viro esprimas sian senton al la barakisto:

— Estas ŝtelo, li diras. La homestaĵo, kiun vi montras, ne estas malgrandegulo; li mezuras pli ol tri futojn.

— Tion mi scias, diras la barakisto; kaj precize el tio konsistas lia malofteco.

— Kion vi volas diri?

— Jes! li estas la plej granda malgrandegulo el la tuta mondo!

INTER GEFIANĈOJ. — LI: Ĉu mi devas nun paroli kun via patro?

ŜI: Ho ne! Ne al li!

LI: Al via patrino do?

ŜI: Ne, ne! Vi devas unue demandi al la kuiristino, ĉu ne ĝenos al ŝi, ke estos unu persono plie en la familio.

EN LA LERNEJO. — Instruisto: Johano, citu proverbon.

Johano: Unu malsaĝulo pli demandas ol dek saĝuloj respondi povas.

Instruisto: Ne, Johano, alian; vi bone scias, ke tiajn sensencaĵojn ne konvenas ĉi tie.

Johano: Tiu, al kiu la ŝuo taŭgas, ĝin metu.

Instruisto (kolere) : Cent punliniojn, stulta bubo. La sekvanta..., Petro!

Petro (serioze): Du fojojn azeno ne marŝas ĉe la sama ŝtono...

Estas tro por la instruisto; li forlasas la ĉambron por plendi ĉe la lernejestro. Tiu ĉi venas por konvinkiĝi ĉu efektive la knaboj estas tiel impertinentaj. Li demandas al Petro: Citu ankaŭ al mi proverbon, mia knabo.

Petro (gravmiene): Malfeliĉo malofte venas sole, Sinjoro!

EN KONDROSO. — La komunuma sekretario de vilaĝo el la Alta Kondrosa, ricevis viziton de vilaĝano. «Mi venas deklari la morton de mia bopatrino.

— Je kioma horo ŝi mortis?

Kaj la alia palpebrumante: Ŝi jam ne mortis, sed la kuracisto diris, ke ŝi mortos post du horoj.

# DIVERSAJ INFORMOJ.

18a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — La Loka Komitato en Edinburgo publikis sian kasbilancon kiu montras, krom rezervo por eventualaĵoj de L. 21.—.—, bonhavan saldon de L. 33.12.11. — La definitiva nombro de la personoj, kiuj ĉeestis la kongreson, estas 960, el kiuj 481 virinoj kaj 479 viroj.

LINGVA KOMITATO. — Estas elektitaj membroj de la L. K.: S-roj Bennemann, Stroele, Scott, La Colla, Ĉernohvostov, Waringhien, Grau Casas, Ellersiek, Pillath, S-ino Dresen, S-roj Kreuz, Döhler. Karolczyk, por 9 jaroj, kaj S-roj Grot, Grenkamp-Kornfeld, Rossello Ordines kaj Kostecki, por 8 jaroj.

LA INTERNACIA INSTITUTO DE INTELEKTA KOOPERADO, eldonis tripaĝan noton en Esperanto pri sia fondiĝo kaj pri ĝia funkciado. Interesuloj ĝin petu ĉe jena adreso: 2 rue Montpensier, Paris (1).

LA ANARO POR LA PLIBONIGO PER LA VERO en Waltwilder ankaŭ uzas Esperanton por la disvastigo de siaj ideoj.Oni sin turnu al la Estraro por ricevi detalojn.

LA ELDONINTOJ DE «KATALUNA ANTOLOGIO» publikigis en 20-paĝa broŝuro la recenzojn de la ĉefaj Esperanto - gazetoj kaj la opiniojn de eminentaj samideanoj pri la grava verko «Kataluna Antologio». Tiu broŝuro estas senpage sendata al ĉiu interesato. Adreso: Ed. Capdevilla, Carders, 29, Barcelona.

Pri la UNUA PSIKOSOCIOLOGIA KONGRESO aperis klarigoj en Esperanto. Sin turni por detaloj al S-ro Paul Otlet, Ĝenerala sekr. de la Internaciaj Asocioj, Cinquantenaire, Bruselo.

INTERNACIA KUNVENO DE LA JUNULARO, organizita de Mondjunularo Ligo, okazos en la kastelo Freusburg/Sieg (Germanujo) 30an de Julio ĝis 7a de Aŭgusto 1927. La Esperanto - sekcion de suprecitita Ligo gvidas: S. Muschter, Holshausen, Post Schweikershain i. Sa., Germanujo.

POŜTKARTON «LA KRISTO DE LA ANDOJ» eldonis »Katolika Mondo» Elberfeld. Prezoj: 50 por sv. fr. 3, 100 por sv., fr. 5.

APUDMARA RENKONTEJO ESPERANTISTA estas organizita en Cannes (Fancujo - Côte d'Azur) sub la prezidanteco de S-ro G. Roy, delegito de U. E. A. en Caillac s-Tarn. Adreso por informoj: Ch. Cresp, 14, rue du Docteur Gazagnaire, Cannes, Alpes Maritimes (Fancujo).

MALSANUL - ASEKURADO. — La Ĝenerala Ligo de germanaj malsanul - helpo petas dokumentojn pri la funkciado de similaj organizaĵoj en aliaj landoj. Skribu al: Berliner Strasse, 137 (Deutsches Krankenkassenhaus) Berlin - Charlottenburg.

NIA SAMIDEANO S-ro INĜENIERO ED. SCHAUENBERG fondis en Bruselo oficejon «La Verda Stelo», kiu sin okupas pri ĉiuj demandoj pri hejtado, ventolado kaj higieno. Li eldonis prospekton en Esperanto. Adreso: Place Armand Steurs, 12, Bruselo.

PETO. — S-ro Cogen, Drève, Ninove( pruntedonis al iu sian «Internacian Kantaron» (muzika eldono). Li ne plu memoras al kiu kaj li ĝentile petas, ke la amik(in)o, kiu ĝin nun posedas, bonvolu resendi ĝin al li.

DEZIRAS KORESPONDI:

S-ro Liu Tithjo, Tsinana Esperantista Societo, Tsinan (Hinujo) (poŝtmarkoj).

S-ro Yenriko Westerink, Deventerstraat, 93, Apeldoorn (Hollando), (poŝtmarkoj).

S-ro P. Brackevalle, 7e Comp. 2-3 Etranger, Fez-Maroc.

---

# BIBLIOGRAFIO.

KARLO. — Facila legolibro de Edmond Privat, 9a eldono. 1926 Eldonis Ellersiek kaj Borel, Berlin & Dresden. 48 paĝoj 11 × 16 cm. Prezo Rmk. 0.50. — La nomo de la aŭtoro sufiĉas por garantii la taŭgecon de tiu agrabla legolibreto, kiun ni speciale rekomendas al lernantoj de nia lingvo.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA No 21. — HUNGARAJ RAKONTOJ de Ferenc Herczeg, tradukis A. Panajott. Dua eldon. 48 paĝoj 9.5 × 14.5 cm. Eldonejo Ellersiek kaj Borel, Berlin kaj Dresden. Prezo: Rmk. 0.40. — Kvar belaj rakontoj. Rekomendinda legaĵo.

DEKLARACIO fidela pri la Vero elmontrata laŭ Sankta Biblio (la neerareblaj Skriboj), kaj ne same kiel la kredo popolara, kiu multe konsistas el la fabloj, kiujn venontajn la apostolo Paŭlo antaŭdiris. Libreto pri religio. 52 paĝoj, 12.5 × 18 cm. Dua eldono. Senpage havebla de G. R. Martin, 43 Caldmont Road, Bromley, Kent., Anglujo.

---

